# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 25/10/2014 Cent okdek oka eldono 25/10/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

## 42. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO Kombinaĵoj de vortoj. E

Jen kelkaj ekzemploj de kombinaĵoj de Propozicioj (= sentences) el kiuj unu difinas la alian, la ĉefelementon de la du. Kutime, sed tute ne necese, la flankelemento sekvas la ĉefelementon. Krome la flanka propozicio formas gramatikan parton de la ĉefa propozicio. Jen la ekzemploj: (Subjekto:) Ke li malsukcesis, estis antaŭvidebla; (Objekto:) Mi ne ŝatas, se ci iros al la boksado; (Adjekto:) Ni manĝis, dum ili ludis (= tiam).



La flankelemento, la difinanto, povas esti ankaŭ parto de la gramatika frazparto (Subjekto, ktp.), ekzemple en "La filo, kiu iris kun la patro al la butiko, volis aĉeti glaciaĵon". "Ŝi ripozis, t.e. dormis, dum tri horoj". "Ni retrovenos per la aŭtobuso, kiu foriros je la tria horo".

Ĉi tiuj difinantaj propozicioj nomiĝas "subordaj propozicioj".

Marcel Leereveld. ★

**Sendu vian fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero**

**Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon** http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

★★★★★★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**

# KLUBNOVAĴO




Mi ŝatus legi la klubnovaĵojn. Sed malmultaj emas informi







Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj



## AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 30-an de oktobro, je la 19:00 (18:30)



## AEA Arĥivoj ĉe Esperanto Domo

22 Okt Ian laboris iomete je la arĥiva ĉambro ordigante la arĥivojn. Multege da laboro bezonota



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

18/10/14 Venis ses Roger, Eŭnice. John, Chris, Jerry, Ian. Preskaŭ ne krokodila klubo.



# La Melburna Esperanto-Klubo



kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm

ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

"Pasintan Lundon ni bonvenigis novan Esperantiston kiu vizitis nin de Hobarto, Benjamin. La aliaj ĉeestantoj estis Joanne, Peter, Ken, Karlo, Jean, Marcel, Heather, Tristan kaj Michael. Ni faris gramatikajn lecionojn kaj planis nian vojaĝon venontan Sabaton por la Tilly Aston (blinda Esperantisto) memoriga celebro ĉe la Carisbrook Historia Societo. "

Amike Heather

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>**Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj** | Vidu<br>AE184 | Vidu<br>AE185 | Vidu<br>AE186 | Vidu<br>AE187 | Vidu<br>AE188 |
|---|---|---|---|---|---|
| **AEA informas** | | AE185 | | AE187 | |
| **Brisbana Esperanto-Societo** | | | | | |
| **Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | |
| **Centra-Marborda Esperanto-Klubo** | | AE185 | AE186 | AE187 | |
| **Esperanto Federacio de Nov-Sud-Kimrio** | AE184 | AE185 | | AE187 | |
| **Esperanto en Sudaŭstralio** | AE184 | | | | |
| **Esperanto-Federacio de Viktorio** | | | | | |
| **Esperanto Kafo Klubo De Kanbero** | | | | | |
| **Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio** | | | | | |
| **Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia** | | | | AE187 | |
| **Manlia Esperanto-Klubo** | AE184 | AE185 | AE186 | | AE188 |
| **Melburna Esperanto-Asocio** | | | AE186 | | AE188 |
| **Melburna Kafeja Grupo** | | AE185 | | | |
| **Tasmania Esperanta Societo** | | | | | |
| **Toowoomba Esperanto-Societo** | | | | | |
| **Torkia Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | |
| **Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au** | | | | | |
| **Sendu informon pri via klubo** | | | | | |

# Ĉinujo ne havas horan diferencon tra Ĉinujo.



Sendube Margaret Chaldecott ricevos multajn respondojn pri la Ĉina horloĝo. Kiel ĉiuj homoj kiuj devas esti sub la regado de la Imperiestro ankaŭ en Ĉinujo nur unu tempo estas la ĝusta-la tempo de Beijing. Ili ne havas Imperiestron nun sed en Ĉinujo ili nur ŝanĝas kiam la Imperiestro deziras. Eble en la jaro 3000?

Kiel la loka popolo adaptiĝas mi ne scias sed eble kiel la loka popolo en Eucla apud la Sudaŭstralia-Okcidentaŭstralia limo adaptiĝas per la uzo de loka tempo pri kiu vi ekscias kiam vi veturas tra ilia loko.

Henry Broadbent

# ESPERANTO POCKET TEXTBOOK




Kara Roger,
kun intereso mi daŭre ricevas kaj legas viajn eldonojn kiel AE k.a. - Normale mankas la tempo por responde sendi dankon, sed jen ĝi! Samtempe mi petas, ke vi sendu al mi vian libreton en pli bona kvalito [tiel mi komprenas la frazon (PDF de la libreto por profesia presado estas senpage havebla ĉe rogerspringer@tpg.com.au.) en la retejo aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo]

Kun kora antaŭdanko Utho Germanujo
(Libreta pdf sendita 23 Okt 14 Roger Springer)

# Kiam, kie, kio okazas?

## Internacia Esperanto-Kalendaro

**Internacia Esperanto-Kalendaro – listo pri Esperanto-renkontiĝoj, kongresoj, festivaloj!**
Kiam, kie, kio okazas? – La "Internacia Kalendaro" listigas ĉiujn konatajn Esperanto-renkontiĝojn, kongresojn, festivalojn, kiuj akceptas vojaĝemajn esperantistojn kiel partoprenantojn.




La Kalendaro havas 2 ĉefajn avantaĝojn:

- Individuaj esperantistoj povas trovi en unu loko la ĉefajn informojn pri ĉiuj Esperanto-aranĝoj, kun iliaj retejoj kaj kontakt-adresoj de la organizantoj. Krome, oni povas vidi la date najbarajn aranĝojn kaj efike plani sian vojaĝadon.
- La organizantoj **(krom efike reklami sian aranĝon)** povas informiĝi pri datoj de tempe kaj geografie proksimaj renkontiĝoj, kaj

povas eviti koliziojn.
Registru vian aŭ ajnan mankantan renkontiĝon senpage kaj simple, pere de formularo en la komenco de la kalendara listo.
Registru ankaŭ la malgrandajn, lokajn renkontiĝojn, ja tio donas ŝancon por eventualaj eksterlandaj esperantistoj, ĝuste tiutempe turismantaj en la proksimeco trovi kontakton kaj partopreni vian aranĝon...
La Internacian Kalendaron funkciigas teamo de la Esperanto-Centro "Eventoj" en Budapeŝto.
La Kalendaro funkcias ekde 1996, kaj enhavas jare ĉ. 250 Esperanto-aranĝojn.

**Kiel vi povas helpi?**

Per registrado de aranĝoj: informu pri mankantaj aranĝoj, aŭ sendu korektojn/aktualigojn pri ili!
Helpu diskonigi la Kalendaron! Aperigu ĝian emblemon kaj faru ligilon al ĝi en via retejo!
Ŝatu aŭ kundividu la kalendaran retejon en sociaj retoj kiel Facebook!
Se vi ŝatus esti regula kunlaboranto en nia teamo kun redaktora rajto, bv. kontakti nin: **Szilvási László,** **szilvasi@eventoj.hu**

**Adreso de la Internacia Esperanto-Kalendaro:** http://www.eventoj.hu/kalendaro.htm

Ni dankas vian helpon, kaj ĝuu la Kalendaron!
Kore, László Szilvási, LS

# Kep Enderby parolas pri Gough Whitlam.



http://www.magic1278.com.au/news/goughs-attorneygeneral-pays-homage-20141021-119pqq.html
Amike, Nicole

## Kep Enderby estas gravega Esperantisto. Li estis prezidanto de AEA (1992-98) kaj prezidanto de UEA (1998-2001).